## Tarifo de la abonprezoj.

| Landoj | Prezoj | |
|---|---|---|
| Angla | ŝil. | 3 |
| Argentina | pes. or. | 2 |
| Aŭstria | ŝil. | 5 |
| Belga | belgoj | 5 |
| Brazila | milr. | 5 |
| Bulgara | lev. bulg. | 100 |
| Ĉeĥoslovaka | kron. ĉeĥ. | 25 |
| Dana | kronoj d. | 3 |
| Estona | est. kr. | 3 |
| Finnlanda | mark. finl. | 30 |
| Franca | frankoj fr. | 18 |
| Germana | mark. or. | 3 |
| Greka | draĥmoj | 54 |
| Hispana | pesetoj | 4,5 |
| Hungara | kronoj or. | 4 |
| Itala | liroj ital. | 15 |
| Japana | jen. | 1,5 |
| Jugoslava | dinaroj | 40 |
| Litova | lid. | 7,5 |
| Latva | lat. | 4 |
| Nederlanda | gulden. | 2 |
| Norvega | kron. norv. | 3 |
| Pola | zlot. | 6 |
| Portugala | skud. | 15 |
| Rumana | lev. rum. | 150 |
| Rusa | kop. oraj. | 1,50 |
| Sveda | kron. sv. | 3 |
| Svisa | frank. sv. | 4 |
| Usona | dolaro | 1 |

Abonon por Int. Ped. Revuo sendu en nacia mono per registrita letero plejeble pere de via landa agento al la administrejo.

Membroj de la germana asocio sendu la kotizon (4.— M: 1.— M por la germ. asocio, kaj 3.— M por Int. Ped. Revuo) al „Esperanto-Vereinigung Deutscher Lehrer“. Girokasse Leipzig-Leutsch, Girokonto 27.857, membroj de la saksa asocio al k-go Schönherr, ĝiro Dresden 30.560, poŝtĉeko Dresden 112.617.

### Korespondado.

R. Sikorski, Dmitrievski per., 18, **Orenburg**, Sovet-Unio, deziras korespondi kun instruistoj de matematiko, fiziko kaj ĥemio en duagradaj (mezgradaj) lernejoj pri instruado de la suprenomitaj sciencoj, deziras ricevi anglajn kaj francajn gazetojn pri la temo, servos reciproke.

## Agentoj de TAGE.

**Vian kotizon akceptas:**

**En landoj:**

Angla: F-ino Kate Hancock, 172 Sackville Rd., Hove, Sussex.

Aŭstra: Josef Feder, Wien II/I, Erlafstr. 8/9.

Belga: Lab. Esp. Grupo, 24. rue de Sévigné-Anderlecht, Bruxelles, poŝtĉ. 124.801.

Bulgara: Ivan Sarafov, Golemo-Selo, Kazanlika regiono.

Ĉeĥoslovaka: Albin Neuzil, lernejestro Olomouc-Neredin.

Dana: La Forta Voko, Dana Esperanto-Gazeto, Poŝtkto. 3584. — S-ro Paul Neergaard, Kastelsvej 21, Kopenhago.

Estona: Agnes Dresen, Poska tanav 29-6, Tallinn.

Franca: M. Boubou, 96 rue St. Marceau, Orléans-Loiret.

Germana: Esperanto-Vereinigung Deutscher Lehrer ĝirokonto Leipzig-Leutzsch No. 27857.

Greka: D-ro A. Stamatiadis, Rodou 21, Ateno.

Hispana: Ferd. Montserrat, str. Villarroel 107, 2a, 2a, Barcelona.

Hungara: Librejo de H. E. S. L. (Bleier Vilmos) Ujpest, Virag--utca 9.

Japana: Joshi H. Ishiguro, Tokio, Koojimachi P. O. Box 1.

Java: K. Wirjosaksono, Klaten.

Jugoslava: Svetislav S. Petroviĉ, Beograd, Kosmajska 47, stan. 4.

Latva: S-ino O. Juŝen, Riga, Ernestines iela 7 dz. 11.

Litova: A. Prapuolenis, mok., Kazlu-Ruda.

Nederlanda: P. Korte, Hoofd der School, Drieborg (GR).

Pola: K. Majorkiewicz, Czersk-Pom., poŝtĉeka konto: PKO 202 100 (Poznan).

Rusa: Centra Komitato de Sov. Esperant. Unio (SEU), poŝtkesto 630, Moskvo.

Sveda: Ernfrid Malmgren, Heleneborgsgatan 6 Stockholm, poŝtĝiro 50304.

Svisa: S-ino N. Oumansky, 4 Petites Delices, Ĝenevo.

INTERNACIA PEDAGOGIA REVUO 8-a jaro. Numero 12 Decembro 1929

Oficiala organo de Tutmonda Asocio de Geinstruistoj Esperantistaj (TAGE)

Redaktejo: D-ro KURT RIEDEL, Am Fuchsberg 2, Dresden A 20, Leubnitz-Neuostra.
Sekretariejo de TAGE: M. GOLDBERG, Im Lumbsch, Oetzsch b. Leipzig, Germ.
Administrejo: KARL KRÖBER, Weststrasse 4, Riesa a. d. Elbe, Germanujo,
Poŝtĉekkonto Dresden 110715.



# Alvoko de la Saksa Esperantista Instruistaro al la gekolegoj tutmondaj.

Priparolinte en nia jarkunveno 1929 en Zittau (Saksujo) la staton de nia movado kaj atentinte la ciferojn, kiujn „Kunlaborado“ liveris pri la disvastigo de Esperanto inter la kolegoj kaj en la lernejoj de la tuta mondo (vidu IPR, n-ro 11, 1929, paĝo 135—137), ni kun ĝojo konstatis, ke Germanujo, kaj en ĝi Saksujo, montras la plej imponajn ciferojn pri esperantistaj kolegoj kaj pri lernejoj, en kiuj oni instruas nian lingvon.

Sed samtempe ni konstatas tion kun malĝojo, ĉar la ciferoj eĉ ne iomete estas proporciaj al la nombro de la kolegoj kaj lernejoj en la diversaj landoj. Tre facile (kaj oni fakte jam faris tion!) niaj kontraŭuloj povus diri, vidante nian statistikon, ke Esperanto estas „germana afero“. Ĝi estas nur internacia afero kaj nur disvastigata internacie ĝi atingos sian celon.

Do, ni, kunvenintaj kiel saksaj instruistoj, laŭ unuanime akceptita propono, petas vin: helpu, karaj kolegoj, ke la ciferoj ŝanĝiĝu laŭproporcie kaj ke la tuta bildo pri la movado inter la instruistaro de la tuta mondo aspektu iomete pli kontentiga!

Organizu vin baldaŭ en naciaj ligoj,
varbu senlace inter viaj naciaj kolegoj,
enkonduku Esperanton en viajn lernejojn,
kreskigu „Tutmondan Asocion de Geinstruistoj Esperantistoj“ (TAGE)
kaj la abonantaron de „Internacia Pedagogia Revuo“ (IPR),
skribu pedagogiajn artikolojn por nia gazeto,

liveru materialon por „Kunlaborado“ ktp., por ke estontatempe pli ol ĝis nun la mondo vidu, ke Esperanto, kiel facila helplingvo por instruistoj kaj lernantoj, kiel bonega interkomprenilo por ĉiuj nacioj, kiel rimedo por pacigo de la popoloj,

fariĝu komuna afero de ĉiuj progresemaj kaj bonvolaj instruistoj en ĉiuj landoj.

Esperante, ke vi volonte konsentos nian alvokon, ni salutas vin, karaj kolegoj tutmondaj,

Esperanto-Asocio de Saksaj Geinstruistoj.

---

# Voĉoj de l' homaro.

(Malmulte konata finstrofo de Zamenhofa „Preĝo sub la verda standardo“; el „Zamenhof Originala Verkaro“, Leipzig 1929.)

Kuniĝu la fratoj, plektiĝu la manoj,
Antaŭen kun pacaj armiloj!
Kristanoj, hebreoj aŭ mahometanoj
Ni ĉiuj de Di' estas filoj.
Ni ĉiam memoru pri bon' de l' homaro.
Kaj malgraŭ malhelpoj, sen halto kaj staro
Al frata la celo ni iru obstine
Antaŭen, senfine!

---

**El la Zamenhofa Deklaracio pri Homanarismo.**

Mi estas homo, kaj la tutan homaron mi rigardas kiel unu familion; la dividitecon de la homaro en diversajn reciproke malamikajn gentojn kaj gentreligiajn komunumojn mi rigardas kiel unu el la plej grandaj malfeliĉoj, kiu pli aŭ malpli frue devas malaperi kaj kies malaperon mi devas akceladi laŭ mia povo.

Mi vidas en ĉiu homo nur homon, kaj mi taksas ĉiun homon nur laŭ lia persona valoro kaj agoj. Ĉian ofendadon aŭ premadon de homo pro tio, ke li apartenas al alia gento, alia lingvo, alia religio aŭ alia socia klaso ol mi, mi rigardas kiel barbarecon.

Mi konscias, ke ĉiu lando apartenas ne al tiu aŭ alia gento, sed plene egalrajte al ĉiuj siaj loĝantoj, kian ajn supozatan devenon, lingvon, religion aŭ socian rolon ili havas; la identigadon de la interesoj de lando kun la interesoj de tiu aŭ alia gento aŭ religio kaj la pretekstadon de iaj historiaj rajtoj, kiuj permesas al unu gento en la lando regi super la aliaj gentoj kaj forrifuzi al ili la plej elementan kaj naturan rajton je la patrujo, mi rigardas kiel restaĵon el la tempoj barbaraj, kiam ekzistis nur rajto de pugno kaj glavo.

---

# La Renovigo de la instruado en Aŭstrujo.

De Otto Gloeckel, Prezidanto de la Urba Lernejkonsilantaro por Wien;
(Parolita en la Helsingora kongreso.)

En la jaro 1918 disfalis la impona aŭstra-hungara ŝtato, la nomo Aŭstrujo transiris sur malgrandan landon de 6½ milionoj da enloĝantoj, kies ĉefurbo havas preskaŭ 2 milionojn. Tio signifas la pereon de malnovaj ekonomiaj interrilatoj, speciale la anstataŭigon de la aŭtokrata principo per la demokrata-respublika ŝtatformo. La lernejo devis adaptiĝi al la novaj politikaj, ekonomiaj bezonoj, dum kio la rezultoj de la plej nova scienca esplorado sur la kampo de pedagogio kaj psikologio ne devis esti malatentataj. De la unua momento en tiu transforma procedo Wien gvidis. Tial ĝenerale unue estu priparolataj la statoj en Wien.

Estas interese, ke la radikala transformo de la popollernejo estis ebla en la kadro de la Regna Leĝo pri Popollernejoj valida depost la jaro 1869. En tiu leĝo la interkonfesia lernejo, la okjara lerndevo, la unueca lernejo ĝis la 10-a vivjaro estis bazitaj. Ĝis la transformo de la instruado ni en Aŭstrujo senescepte havis la t. n. lern-lernejon, kiu en unua vico celis la flegon de la memoro, la instruiston kontraŭstarigas al la infanoj kiel la sole donantan kaj severan eksteran polican disciplinon konsideras necesa.

La transformo trovis gravajn malfacilaĵojn, ĉefe pro tio, ĉar la instruistigo en Aŭstrujo estas ankoraŭ tre malprogresa (4- ĝis 5-jaraj porinstruistaj seminarioj). En Wien la milito kaj la postmilita tempo kaŭzis falon de la nombro de la gelernantaro je 120 000. Ĉar instruistoj ne estis eloficigataj, sekvis eksterordinara instruist-superfluo, kaj en la lasta jaro la unuan fojon povis esti enoficigataj novaj, speciale preparitaj instruistoj. Do ni devis klopodi plenan spiritan kaj precipe metodikan transformigon de la jam ekzistanta instruistaro. Per registaraj ordonoj tia ŝanĝo ne estas atingebla. Kvankam venis multnombraj sugestoj de la lerneja registaro, kiu plivastiĝinta per fakuloj akiris altan fakan aŭtoritaton inter la instruistaro, la decidiga ĉefaĵo estis la entuziasmo de la aŭstra instruistaro, kiu estiĝis la plej grava motoro de la laboro por ĝia propra transformiĝo.

Nova instruplano por la popollernejo estis preparata. En Wien kaj en la aliaj landoj estis aranĝataj 253 eksperimentaj klasoj, kaj la projekto de la nova instruplano por kritiko estis transdonata al la tuta instruistaro. Feriaj kursoj enkondukis la instruistaron en la novajn ideojn. Tri novaj pedagogiaj revuoj surprenis la senperan informadon. En Wien estiĝis la Pedagogia Instituto en pli granda amplekso (hodiaŭ la vizito al tiu instituto estas tiel forta, ke la akcepto devis esti fermata — 3500 aŭskultantoj!). La plej gravan laboron faris la instruistaj laborkomunumoj. En Wien ekzistas 153 tiaj laborrondoj. Dum ses jaroj la instruplano estis provata, kaj post kiam montriĝis tre bonaj sukcesoj, ĝi estis enkondukata por la tuta Aŭstrujo.

La nova instruplano starigas ĝeneralajn instru- kaj klerigcelojn, el kiuj ĝi derivas la unuopajn jarcelojn. En la malsupraj kvar klasoj de la popollernejo la disigo de la instrufakoj estas evitata per la „kompleksa instruo". Anstataŭ la meĥanikiga lecionplano funkcias la laborplano de la instruisto. La instruobjektoj estas donataj en sia natura interligo. La tro frua sistemeco, kiu faris la instruon tiel seka, estas evitata. Ĝ o j o e s t a s l a s i g n o d e l a

n o v a l e r n e j o. Krom la kompleksa instruo la enkonduko de la metodo de „perlaborado“ de la sciaĵoj per la infanoj signifas la duan tre gravan novigon, kiun alportis la instruplano. Ne sole la memoro estas flegata, ĉiuj sensoj, speciale ankaŭ la mano estas uzataj por la akiro de la sciaĵo per la infanoj. La lern-lernejo estas anstataŭita de la laborlernejo. La instruisto sin retenas, li utiligas la infanan kreo-ĝojon, la ago- kaj la scio-volon en plej konvena maniero, la infanoj ĝuas la feliĉon de sukcesplena laboro, ili mem sin gardas, ke la instruo ne perdas sian porinfanan karakteron. La infanoj estas aktivaj. Kiam la trezoroj, kiujn la instruisto logas el la infanoj, estas tro malgrandaj, okazas la instrua ekskurso. La ekskurso fariĝis karakteriza ekstera signo de la lernejreformo. Fine la plenumo de la principo de hejmeco estas la plej bona vojo, por senpere efikantan, vivan klerigan materialon havigi al la infano. Hodiaŭ la instruplano tiel enkutimiĝis, ke oni ne plu povas imagi alian ol tiun modernan lernejon.

En jaro 1927 sukcesis, efektivigi por la tuta Aŭstrujo novan l e r n e j o r g a n i z o n. La antaŭa triklasa burĝlernejo (altigita popollernejo) estis forigata kaj nun sur 4-jara popollernejo surkonstruata la 4-jara ĉ e f l e r n e j o kiel deviga lernejo. Kvankam ne sukcesis atingi la celatan organizon de la absoluta u n u e c a l e r n e j o ĝis la 14-a vivjaro, sed fakte oni tre alproksimiĝis al tiu celo, ĉar kaj por la 4-klasa ĉeflernejo kaj por la 4-klasa malsupra mezlernejo (malsupra ŝtupo de la mezlernejo) validas la sama instruplano, tiel ke ĉiutempe transiro de unu al la alia lerneja kategorio estas ebla sen ekzameno, se la cenzuroj estas sufiĉe bonaj. Ankaŭ tie en jaro 1928 la definitivaj novaj instruplanoj estis enkondukataj. En la ĉeflernejo estas aranĝataj diferencigoj per la kreo de du kolonoj: kolono A akceptas la bonkapablajn kaj antaŭencelantajn infanojn, la kolono B la pli malfortajn, kiuj bezonas apogon. Ankaŭ tie la labormetodo regas. La fremdlingvoj komencas nur en la dua klaso de la ĉef- aŭ malsupra mezlernejo.

Por la nova lernejorganizo de Aŭstrujo estas karakterize, ke ankaŭ la infano de senposedaj gepatroj ricevis kelkajn eblecojn de supreniro: post la 4-jara popollernejo (senkosta) por tre bone talentitaj infanoj la eniro en Regnan Edukinstituton (mezan lernejon) kun internato (la kotizoj dependas de la salajro de la gepatroj), estas ebla, aŭ sekvas pluaj kvar jaroj en la ĉeflernejo (senkosta) kaj poste aŭ eniro en profesian lernon (profesia lernejo), en faklernejon aŭ superan mezlernejon (stipendioj). Oni rajtas aserti, ke en neniu alia lando la supreniro de la kapablaj infanoj estas tiom faciligita kiom en la respubliko Aŭstrujo.

Apud tiuj lernejkategorioj ankoraŭ aranĝoj estas kreitaj, kiuj ankaŭ al tiuj infanoj, kiuj ne povis viziti normalan ĉeflernejon, ebligas atingi la universitatan maturon, se ili havas la necesan kapablon. Tiuj infanoj, kiuj posedas bonan ateston pri absolvo de ĉeflernejo sed ne povis lerni fremdlingvon, kio ofte okazos en vilaĝaj lernejoj, eniros en t. n. transkondukaj klasoj, kiuj estas enŝovataj inter la ĉeflernejo kaj la supera mezlernejo kaj devas peri la necesajn lingvo-sciojn. Infanoj, kiuj vizitis popollernejon kun nur malmultaj klasoj, venas en specialajn mezlernejojn (Aufbauschulen), kiuj konsiderante la instruitecon de la infanoj kondukas ilin al universitata maturo. Eĉ por plenkreskuloj, kiuj jam staras en profesio, plenumis sian profesian lerntempon aŭ plenumis sian 17-an vivjaron, ekzistas mezlernejoj por

laboristoj, en kiuj la studantoj en 4-jaraj vesperkursoj atingas la maturon de supera mezlernejo.

La kompleksa instruo celas la edukon al demokratio, al sociala sento. Moderna klaso ne estas nuda ejo. La muroj estas ornamitaj per bildoj, laboroj de lernantoj; floroj staras en la fenestro. Kie la novinstalo de klasoj povis esti efektivigataj, oni forigis la malkomfortajn, ofte kontraŭsanajn benkojn kaj anstataŭigis ilin per naturaj mebloj, nome tabloj kaj seĝoj. Ne plu: „La manojn sur la benkon!", sed „Movu la manojn!" estas la devizo. Ĉar en la moderna instruo la instruisto laŭeble sin retenas, la infanoj devas paroli unu al la aliaj, la malnova maniero, starigi la benkojn unu post la alia, fariĝis sencela. La infanoj vidu unu la aliajn. Tial oni starigas la tablojn en duonrondo. La katedro, el kiu la instruisto tronis super la lernantoj, fariĝis superflua. La instruisto nun staras meze en la rondo de la infanoj. Li jam ne plu estas la severa ekstera aŭtoritato, li fariĝis amiko, gvidanto kaj edukanto de la junularo.

La plej granda metodika sukceso estas, se la instruisto sukcesas, plialtigi la intereson de la infanoj en tiu grado, ke ili plene estas kaptitaj de la instruobjekto, ke la instruisto povas sinreteni, kaj sekvas diskuto inter la lernantoj. Do ne plu: „Vi nur devas paroli, se la instruisto demandas vin!" (malnova aŭtoritato-principo), sed: „Parolu, se vi scias aŭ volas ion, en la socie necesaj formoj!". Antaŭe ekzistis kiel valida leĝo la lernejo-ordo. Ĝi estis prelegata komence de la lernej-jaro kaj celis reguli la lernejan vivon per malpermesoj kaj ordonoj, kiuj estis fiksitaj de la lernejestro; same kiel faris la regista ŝtato. En demokrata ŝtato la civitanoj mem kreas la leĝojn. Tiel nun ankaŭ okazas kun la lernejo-ordo. La infanoj baldaŭ ekkonas, ke ordo devas esti, kaj donas mem al si, kiel la civitanoj, siajn leĝojn el sia sperto. Tiel el spertoj kaj bezonoj de la lerneja vivo la ordo per kunlaboro de la infanoj estas „ellaborata". Tiel en plej frua junuleco la infano jam praktike estas atentigata, ke ĝi ankaŭ en la propra intereso devas indulge atenti la alian homon, ĝi laŭsisteme estas kondukata al sociala sento kaj ago.

Dum la lerntempo inter la 14-a kaj 18-a jaro, parte ankaŭ pli frue aperas la lernejo-komunumoj (lernanto-komunumoj). La celo de la lernejokomunumo estas: Evoluigo de vera solidareco kaj per tio altigita kamaradeco, densaj interrilatoj kaj reciproka kompreno inter instruistoj kaj lernantoj, civitana eduko, komuna arta kaj sporta ago. La lernejo-komunumo kunlaboras en konservo de la ekstera ordo en la lernejo kaj en la ordigo de disciplinaraj aferoj. Kelkfoje ĝi ankaŭ havas la rajton, fari proponojn por cenzuro en „konduto". Rilate la administradon: Partopreno en la administrado de la biblioteko por lernantoj, de la instruilo-kolektoj, lernejoĝardenoj kaj -laborejoj, de socialaj aranĝoj por prizorgendaj lernantoj; preparo kaj efektivigo de lernejaj festoj, kunlaboro en organizo kaj efektivigo de la migrado-tagoj, junulaj ludoj; instalo kaj administrado de hejmo por lernantoj.

Plua fundamenta ideo de la reformo troviĝas en la edukado al estimo antaŭ la laboro. La enkonduko de la laborinstruo en malsupraj klasoj, la daŭrigo de tiu instruo en la metodikan manlaboron, kiu estas deviga en ĉiuj lernejoj, efikos, ke en videbla tempo en Aŭstrujo neniu „intelektulo" laboros, kiu en sia junula aĝo ne staris ĉe rabot- aŭ tornstablo.

Grandan gravecon en Wien atingis la gepatraj unuiĝoj. La celo estas la ĉiam pli densa enpenetro de la gepatraj unuiĝoj en la lernejon ĝis efektiva eduka komuneco. La gepatraj unuiĝoj nur povas labori kun sukceso, se ili estas tute senpolitikaj. En la gepatraj konsilantaroj de la Vienaj unuiĝoj en la lasta jaro laboris 8887 gepatroj kaj 2398 instrupersonoj, sume 11 285 funkciuloj. Unu triono de la gepatraj konsilantoj estas virinoj. Dum la lasta lernjaro estas arangitaj 2301 gepatraj kunvenoj kun 223 000 vizitintoj. Apud la ĝeneralaj gepatraj kunvenoj tiuj por unuopaj klasoj atingas specialan gravecon. Entute en la lasta jaro de la gepatraj unuiĝoj estas organizitaj 5242 aranĝoj kun 514 000 vizitintoj. Revuo „Gepatra domo kaj lernejo“ zorgas por daŭra interligo inter la gepatroj.

Fine estu menciataj la subtenoj de la urbo Wien, kiuj nur ebligis la lernejreformon. Ĉiuj lerniloj (libroj, skrib- kaj desegna kaj manlabora materialo ktp.) estas donataj al ĉiuj lernantoj senpage. La meza lernantonombro de klaso en Wien estas 30. Anstataŭ la nenature kompilita legolibro la infano en ĉiu klaso ricevas 10 ĝis 15 verajn librojn, kiuj laŭ enhavo kaj ekstero estas modelaj: la klaslegaĵon.

110 libroj estas priparolataj kun la infanoj dum la lerneja tempo. Lernejaj laborejoj kaj kuirejoj estas aranĝitaj. Wien preparas siajn instruistojn en altlernejaj kursoj, kiujn povas partopreni nur posedantoj de maturo-atesto de supera mezlernejo aŭ de instruista seminario.

Belega Pedagogia Centralbiblioteko, kiu hodiaŭ ampleksas 150 000 volumojn, estas donaco de la urbo al la instruistaro. Se Wien hodiaŭ estas la celo de sennombraj ekskursoj kaj oficialaj vizitoj de fakuloj, kiuj venas el la tuta mondo, por ekkoni la esencon kaj la sukcesojn de tiu lernejtransformigo, tio devas esti dankata en unua vico al la amikeco de la urbo por la lernejo, sed tre speciale al la oferemo kaj profesia sindonemo de la Viena instruistaro. Fakte eniris nova sento en niajn lernejojn. Kompreneble estas ankaŭ en Wien kaj aŭstraj lernejoj pli kaj malpli kapablaj instrupersonoj. Kompreneble la ideala stato de moderna lernejorganizo tute ne jam estas atingita. Ni staras ĉe la komenco. Sed ni kredas, ke la komencita vojo de komuna laboro inter urbo, gepatroj, instruistoj kaj lerneja registaro estas la sole ĝusta, por plenumi laboron, kiu estas taŭga por eduko de generacio, kiu en korpa kaj spirita forto estas ŝirmita kontraŭ akcidentoj kaj malbonaj sortoj de individuoj kaj de la tuto.

Kun fiero ni citas la diron de la granda svisa pedagogo Ferrière: „Wien estas la ĉefurbo de la infano“.

Trad. Goldberg.

---

# Esperanto kaj matematiko.

De Otto Simon, Wien.

Inter la esperantistoj sin trovas proporcie pli da matematikistoj ol da filologoj, kaj en la komenco de la movado preskaŭ ŝajnis, se oni juĝis laŭ adeptoj, ke Esperanto estas ne lingva sed nombra afero. Kiu ne konas la kondukintojn de nia heroa epoko, Bourlet, Briand, Meray, Berdelle, Dombrovski, de Saussure kaj multaj aliaj! Ĉu tio nur hazardo? Ŝajnas al mi ke ne. Lingvo unuavice estas afero de psikologio, ne de logiko. Tial ni ne miras, ke ĉiuj lingvoj havas multajn esceptojn, precipe ĉe vortoj ofte uzataj. Ne la logikema plenkreska homo, sed la primitiva infano elpensis la ĉiutagajn esprimojn. Nur post disvolviĝo de la genta lingvo ĝi trovis ekzemple, ke oni gramatike regule povus formi la virinan sekson per aldono de certa sufikso. Sed en nenia lingvo laŭ mia scio tiel ofta ideo kiel „patrino" estas regula derivo de „patro". Kontraŭe, matematiko estas afero de matura homo, estas afero severe logika, sed ankaŭ al ĝi ne mankas elementoj de la primitiva epoko en ĝia bazo, kiun ni ne povas malhavi, nome en la nombroj. Ni scias ke multaj lingvoj havas neregulaĵojn inter la nombroj dek kaj dudek, ke la duciferaj nombroj en germana lingvo estas veraj monstroj per la enŝovita vorteto „kaj", ke oni elparolas unue la unuojn, poste la dekojn. Ĉe tri-ciferaj nombroj do oni elparolas antaŭe la centojn, poste la unuojn, poste la dekojn. Terura kutimo, pri kiu povas plendi ne nur la telefonoficistinoj sed ankaŭ la instruistoj de logaritmoj. En franca lingvo la nombroj inter sepdek kaj okdek kaj poste inter okdek kaj naŭdek postulas jam iom da aritmetiko, por 98 oni diras $4\times20+10+8$, do vera adicia problemo!

En la gepatra lingvo tiaj artifikaĵoj ne multe ĝenas, oni ilin ja kutimas de post la infana aĝo. Sed alia estas por fremdaj lingvoj. Kontrolu vin kaj vi trovos, ke legonte tekston en fremda, eĉ bone konata lingvo, tamen vi legos la nombrojn skribitajn per ciferoj en gepatra lingvo. Do germano jene legos francan tekston: L'année a dreihundert fünfundsechzig jours. Tial Berdelle eĉ proponis, ke lernante novan lingvon oni antaŭ ĉio lernu „nombri".

La celo de Esperanto estas logikigi la lingvon. Tial ĝi elpelas la esceptojn, enkondukas fiksajn prefiksojn kaj sufiksojn, reguligas, reguligas, reguligas. Ne dubo, ke tio multege faciligas la ellernadon de Esperanto eĉ por la mezklera homo, sed ne miro, ke tia artefarita, arkitektura lingvo unuavide devas repuŝi la lingvanon. Ĉar ne la rektajn liniojn de la lingvaj konstruaĵoj, la regulajn kortojn, la praktikajn glatajn murojn li serĉas kaj ŝatas, sed la poeziajn balkonojn, la per hedero ĉirkaŭvolvitajn pordegojn, la turojn kaj turetojn. Sen bildo: La lingvisto sin okupas aŭ almenaŭ sin okupis ĝis nun pri la ne laŭleĝe kreskinta lingvo, la kaŭzojn de ĝiaj esceptoj li volas rekoni, la leĝon kovritan per la esceptoj li aspiras. Je tiaj problemoj li elprovas sian sagacecon, jen la fonto de formala klereco, kiel li ĝin komprenas. Lin ne allogas la simpleco de Esperanto, kiu laŭ lia ĝisnuna maniero de spekulacio similas al enigmoj, kiuj de komence antaŭdiras la solvojn.

Sed la matematikistoj sopiras al klareco, simpleco, logikeco. Ili preskaŭ trovas la idealon en matematika skribmaniero. La pazigrafio, precipe en decimala sistemo, kontentigas eĉ altajn postulojn. Des pli malagrablaj estas la buŝaj nelogikaĵoj, de kiuj mi citis kelkajn pli supre.

Sed la simpatio de matematikistoj devas esti pli profunda. La leganto de romanoj aŭ noveloj facile estas kontentigita per la samnacia literaturo; ĉar la aro da beletristikemaj homoj en ĉiu civilizita nacio estas sufiĉe granda, valoras, traduki bonajn librojn. La sama okazas ĉe kelkaj popularaj sciencoj, filozofio, historio ktp. Sed pri matematiko en ĉiu nacio nur estas malgranda adeptaro. Reciproke ili komprenas la ideografion de la formuloj, ofte ili divenas la tekston, kunliganta unu formulon kun dua, sed se la studanto nur unu vorton ne komprenas, tuj la legado haltas, oni nur malfacile aŭ tute ne povas legi la disertacion ĝis fino. Krom tio la nombro de matematikistoj estas tiel malgranda, ke ĉiuj ĵurnaloj skribitaj en unu lingvo suferas finance pro deficito de abonantoj.

En aparte malbona cirkonstanco estas la anoj de malgrandaj nacioj; ĝiaj matematikaj komunumoj estas tro malgrandaj por eldoni gazeton, do ĝiaj anoj estas devigataj legi nur fremdlingvajn revuojn kaj uzi ilin, se ili produktas mem. La matematika vortaro (Bricard) efektive estis la unua faka vortaro de la esperantistoj.

Esperanto do pruvas, kian profiton arta ilo de logika spirito povas doni al grava scienco, ne nur je vidpunkto de logikigo, sed ankaŭ de internaciigo. Tamen je vidpunkto de logikilo por matematikisto Esperanto havas ankoraŭ alian, pli gravan signifon. Oni ja scias ke Leibniz profetis eblecon elpensi algebron de pensoj, ideoj. Erare oni en la komenco de nia movado opiniis, ke per tio li antaŭvidis la solvon de l' problemo de internacia lingvo. Ne, tion Leibniz nek supozis nek pretendis, esperis. Li nur pensis pri algoritmoj analogan la kemio jam havas, klarigante procedojn de kemia sintezo kaj analizo, aŭ la bibliografio ktp. — Tia „lingvo de ideoj" Esperanto ne estas, ne pretendas esti, sed ĝi estas grava etapo al tiu ĉi celo multe pli malfacila multe pli teoria ol la problemo de internacia lingvo.

---

# La spirito de la lernejoj kaj lernolibroj.

De Dezsö Lipót, lerneja inspektoro en Szombathely, Hungarujo.

La nacia spirito kaj la ĝenerala kompreno estas direktita de la lernejo. Oni povas diri: la spirito de ia nacio estas la sama kiel tiu de ĝia lernejo. La estonteco de ia nacio dependas de la funkciado de ĝiaj lernejoj. Kaj kiel finrezulto oni povas konkludi, ke la venonta prospereco de la homaro dependas de la harmonia, unuigita laborado de tutaj diverslandaj lernejoj.

Se ni intencas krei ĝeneralan kaj komprenan spiriton inter diverslingvaj popoloj, estas nepre necese, ke unuavice la lernejoj funkciadu en tiu ĉi spirito kaj kreu la bezonatan bazon.

La ĉeftasko de lernejoj estas do: eduki la junularon ekkoni la veron, montri al ili nur la purajn, verajn faktojn kaj per tio prepari ilin por pli kompreniga vivo.

La lerneja edukado havis ĉiam sian grandan influon sur la sekvonta vivo de lernanto. La eraroj kaj malperfektaj scioj akiritaj dum lerneja tempo povas esti danĝeraj, eĉ katastrofaj en la vivo de ia nacio. La lastaj dek jaroj povas montri sufiĉajn malĝojajn spertojn kaj datojn rilate al tiu ĉi afero,

La estonta lernejo plenumos do sian taskon nur tiam, se ĝi ĉiam kaj ĉie instruos la sanktan veron.

Memkompreneble la lernolibroj kiel esprimiloj de la vero devas esti verkitaj ankaŭ nur laŭ la menciitaj principoj. En la lernolibroj ne devus esti io alia ol la klara veraĵo, la puraj faktoj. Tiu ĉi principo estu realigita en la geografiaj, historiaj lernolibroj same kiel en matematikaj aŭ natursciencaj libroj.

Nelonge mi translegis kaj studis el tiu ĉi vidpunkto plurajn alilandajn geografiajn lernolibrojn kaj mi devas bedaŭrinde konstati, ke la diritaj principoj ne estis plenumitaj en tiu ĉi libroj. Estis pluraj en kiuj troviĝas eraraj ideoj, principoj kaj antaŭjuĝoj. Estis eĉ tiaj, kiuj pritraktis la konojn el politika vidpunkto. Oni devus tute forigi la politikon el lernolibroj, ĉar la politiko estas tute individuala kaj ĉiam ŝanĝiĝas laŭ la percepto, penso kaj precipe laŭ egoisma intereso. Neniaj faktoj estu pritraktitaj en lernolibroj el tiu vidpunkto. La politiko ne servas la puran veron, pro tio ne havu lokon en lernolibroj.

Estus laŭcele kaj vere dezirinde, se la Esperantistaro ankaŭ helpus la koncernajn faktorojn en havigo de ĝustaj geografiaj, historiaj datoj. Per Esperanto oni povus malfacile kolektigi la menciitajn datojn el diversaj landoj.

Por la ĝusta geografia kaj historia instruado mi proponus jenan:

1. La Esperantistaro postulu, ke la geografia kaj historia instruado estu en ĉiuj landoj ĝusta kaj koresponda laŭ la ekzistantaj fakoj kaj datoj.

2. La Esperantistaro komencu agadon en ĉiuj landoj por forigi el instruado, precipe el lernolibroj, ĉiuj erarojn, eventuale malbonintencajn faktojn aŭ kelkajn antaŭjuĝojn pri ia nacio. La politikaj tendencoj, klarigoj estu same forigitaj el la lernolibroj.

3. La eldonistoj kaj lernolibroverkistoj havigos la geografiajn kaj historiajn datojn direkte el la koncernaj landoj. Por efektivigi tiun ĉi celon la naciaj esperantistaj centroj eldonigos unu mallongan, ĝuste verkitan geografian kaj historian priskribon de sia lando kaj sendos ilin al la alilandaj esperantistaj centroj.

4. La naciaj esperantistaj centroj sendigos tiamaniere havigitajn priskribojn, al diversaj instruistaj societoj, al libroeldonistoj kaj pli konataj verkistoj, kiuj okupas sin pri menciitaj libroj. La instruistaj societoj estu samtempe petinte, ke priparolu, konatigu la sendotajn priskribojn al instruistaro kaj postulu de ili la uzadon de konatigajn datojn en lernejoj.

La verkistoj kaj eldonistoj estu same petinte, ke ĉe la nova eldono de ia geografia kaj historia lernolibro konsideros la senditajn datojn kaj korektu iliajn eldonaĵojn laŭ la priskribaĵo.

5. Estus ankoraŭ laŭcele, se tiu ĉi grava demando estus pritraktita en la diversaj pedagogiaj gazetoj, kunvenoj kaj tiamaniere estus ĝenerale konatigitaj la eraroj ekzistantaj en alilanda geografia kaj historia instruado.

Estas eble, ke per Esperantismo oni povus sukcese solvi tiun demandon, kiu grandmezure ĉesigus supozitajn antaŭjuĝojn, grandajn geografiajn erarojn de kelkaj, speciale de malgrandaj nacioj.

---

# Kunveno de la Edukada Instituto en Novzelando.

La jara kunveno de la N. Z. Edukada Instituto okazis en Wellington de la 13-a ĝis la 17-a de Majo. Kiel novan prezidanton oni elektis s-ron J. C. Poison, M. A. La urbestro de Wellington, la ministro de edukado kaj kelkaj parlamentanoj ĉeestis.

La ĉefa temo estis la reorganizado de la eduka sistemo. Post diskuto oni akceptis la jenan:

1. Ĉar la edukada procedo estas seninterrompa, la N. Z. edukada sistemo ĝis la fino de la duagrada kurso devus esti sub la estrado de unu sola aŭtoritato en ĉiu difinita loko.

2. La unua bezono por iu sistemo de reorganizado estas la malpliigo de la grandeco de la klasoj en la unugradaj lernejoj.

3. La edukada sistemo estu reorganizita kun la rekono de la sekvantaj ŝtupoj: 3—5 jara; 5—11 unuagrada; 11 duagrada.

4. La sekvantaj principoj estu akceptataj por la unuaj ŝtupoj de la duagrada kurso;

a) de la aĝo de 11 ĝis 15 jaroj neniu specialigado en la direkto de agrikultura, komerca aŭ industria edukado estu provita sed tiu periodo estu rigardata kiel klariga por eltrovi la emojn de la lernantoj;

b) la lecionaro provizu por vario de kursoj por ebligi ke oni donu inklinon al lernantoj de diversaj emoj;

c) 1. Por grandaj urboj oni starigu unu aŭ pli de la sekvantaj:

   a) „Supraĵoj“ al ekzistantaj unuagradaj lernejoj;

   b) „Malsupraĵoj“ al reformitaj duagradaj lernejoj;

   c) Apartaj lernejoj;

   2. Por malpli grandaj urboj la altlerneja sistemo estu uzata. (Notu ke en malgrandaj urboj, la duagrada lernejo estas aldono al la unuagrada lernejo kaj sub la sama estro.);

   3. En kamparaj lokoj oni kunigu la lernejojn kaj fondu altlernejojn;

d) Provizo estu farata por la transfero (translokigo) je frua aĝo de infanoj montrantaj fortan studemecon al poruniversitata kurso;

e) Oni diferencigu inter la kursoj de altlernejoj kaj teknikejoj (teknikaj lernejoj);

f) Vizitado estu deviga por ĉiuj lernantoj ĝis la 15-a jaro. (Nun lernantoj povas foriri se ili finis la unuagradan kurson aŭ se ili havas 14 jarojn.)

Aliaj interesaj rezolucioj estas:

Oni agu plue pri la malpligrandigo de klasoj. 16 kvadrataj futoj estu la minimumo de plankspaco po lernanto.

Oni voĉdonis kontraŭ propono „ke ia speco de biblia instruado estas necesa en niaj lernejoj“.

Ĉar la edukada fako pro sia metodo permesanta la uzadon de nur specialaj rajtigitaj lernolibroj tiel ke infanoj irantaj de unu lernejo al alia povas uzi la samajn librojn, malhelpis la liberan konkuradon en la produkto de lernlibroj kaj pro la alta prezo postulita de privataj firmoj, la edukada fako estu petegita eldoni siajn proprajn lernlibrojn kaj kajerojn.

La anstataŭigo de pupitroj per tabloj kaj seĝoj estu petita.

La fako provizu skribmaŝinon kaj multobligilon, kiel parton de la kutima ekipo de lernejoj.

Pluaj kuracistoj estu enoficigitaj por lerneja laboro.

Rim. de l' Red.: Altlernejo = angle „high school“.

C. J. Adcock (el TEPS).

——

# Norvegaj lernejoj kaj iliaj problemoj.

(El la parolado de s-ro Joh. Hertzberg, rektoro de la Stabekk-Lernejo, Norvegujo, okaze de la Helsingora kongreso.)

Estas inter la Privataj Lernejoj, ke oni kutime atendas trovi la Liberajn Lernejojn. En Norvegujo efektive preskaŭ ne ekzistas Privataj Lernejoj. Ĉiuj lernejoj estas Ŝtataj aŭ Burĝaj (Municipalaj) Lernejoj. Eble ĉi tio mirigos, ĉar oni kutime opinias, ke la norvegoj estas tre individuecaj. Eble la klarigo kuŝas en tio, ke la individueco de la instruisto scias kiel trovi liberecon en la kadro de la oficiala kursaro. Kiel ĉi tio okazas en Norvegujo, montriĝos en la sekvanta enketo.

Norvegujo havas areon egalan je tiu de la Britaj Insuloj, aŭ tiu de Italio, kaj loĝantaron iom malpli grandan ol tiu de Parizo. La loĝantaro estas, sekve, tre maldensa. Du trionoj loĝadas en la kamparo. Estas malfacile administri tian popolon, kaj speciale ties Lernejan Fakon. Kelkaj donotaĵoj klarigos ĉi tion. En la Kamparaj Elementaj Lernejoj, kiuj havas kurson sepjaran, estas 300 000 gelernantoj, (en la Urbaj Elementaj Lernejoj 100 000). Ĉi tiuj 300 000 gelernantoj troviĝas en 6 000 lernejoj, t. e. meze 50 geknaboj po ĉiu lernejo, sed, fakte, multaj lernejoj havas tre malmultajn gelernantojn, en 75 lernejoj oni akceptas malpli ol 6 gestudantojn (!). Sekve, multaj lernejoj ne dividiĝas laŭ klasoj, aŭ ili dividiĝas en nur du klasojn, spite la fakto, ke la lerneja kurso estas sepjara. Unu mil lernejoj estas nedividitaj, du mil lernejoj havas po du klasoj. 15 000 infanoj havas vojon ĝis la lernejo kiu estas longa pli ol kvar kilometrojn (3 anglaj mejloj); sekve oni lasttempe konstruis kelkajn loĝlernejojn. Tamen, la Kamparaj Elementaj Lernejoj havas bonajn samkiel malbonajn flankojn. Estas bona, sufiĉa nombro da kvalifikitaj geinstruistoj, eĉ en la plej malproksimaj kaj malriĉaj regionoj. Nur 1,5 elmilo el ĉiuj infanoj de lerneja aĝo estis neinstruata dum jaro 1926-a (ĉiuj statistikoj donataj rilatas al tiu citita jaro); la sola kaŭzo estis malsano. Rilate al nevizitado (foresto), nur 4,3 elcentoj de la nombro da lernejaj tagoj laŭleĝe fiksitaj estas preterlasitaj, kio estas malmulta konsiderante la longajn vojojn kaj la severan klimaton dum la plej granda parto de la jaro.

La ĉefa karakterizo de la klerigado, kiun ricevas la infanoj en la Kamparaj Elementaj Lernejoj estas, ke iliaj hejmoj kaj la lernejo dividas inter si la klerigan taskon. La lernejaj trimestroj (periodoj) estas aranĝitaj, tiel ke la infanoj disponas pri sufiĉe da tempo por partopreni plene en la laborado ĉe la ordinara kampara hejmo norvega. La lernejaj horoj dum la jaro kune sumiĝas meze je 18 semajnoj. Proksimume 60 000 infanoj vizitas la lernejon dum malpli ol 15 semajnoj. En multaj lokoj la lernejo malfermiĝas nur ĉiun duan labortagon. En aliaj lokoj 2 lernejaj semajnoj alternas kun 2 semajnoj ĉe la hejmo. La lernejo neniam malfermiĝas dum la tempo de printempa laboro, de fojnado kaj de rikoltado. Estas interese, kompari la rezultatojn atingitajn dum la malmultaj lernejaj horoj de la Kamparaj Elementaj Lernejoj kun tiuj atingitaj dum la 40 horoj de la ordinaraj Urbaj Elementaj Lernejoj. La antaŭaj povas kontentige konkuri kun la lastaj. En kelkaj rilatoj la kamparaj infanoj okupas la unuan lokon. Ili havas pli klaran koncepton pri nombroj, ili pli bone verkas memstare, ili pli bone lernas fidi tute je si. La pli granda memstareco de la infanoj de la Kamparaj Elementaj Lernejoj eble povas ankaŭ deveni el tio, ke ĉi tiuj lernejoj estas ofte pli-malpli nedividitaj laŭ klasoj. La instruisto ja *devas* multe pli lasi la infanojn al propraj rimedoj. Eĉ la malbona edukada ilaro ne estas necese kon-

traŭaĵo. La malmultaj libroj de la konsulta libraro estos pli multe uzataj. Kaj la malriĉa provizo de sciencaj aparatoj eble stimulos eltrovemon kaj ĉe instruisto kaj ĉe lernanto.

Kiel ekzemplon, la paroladanto donos priskribon de aparta Kampara Elementa Lernejo, nome Hyggen Skole. La nomo estas fakte honorata dum longa tempo farmnomo, malfacile klarigebla, sed ĉiu ajn norvego rilatigos ĝin kun la vorto „hygge", kaj sentos, ke „Hyggen" signifas gajan lokon, komfortan angulon. La nomo taŭgas por multaj kamparaj lernejoj en Norvegujo. Hyggen Skole situas ĉe malgranda golfeto de granda „fjordo" izolata de la ĉefa parto de la distrikto de altaj krutaĵoj el granito. La loĝantoj estas precipe ŝtonmin'stoj. La lernejo havas proksimume 100 gelernantojn, kaj dividiĝas laŭ 4 klasoj, el kiuj du alternas kun la du aliaj ĉiun duan tagon. Ĉiun tagon troviĝas en la lernejo unu supera klaso kun instruisto kaj unu malsupera klaso kun instruistino. Do, ĉe Hyggen Skole estas du geinstruistoj, kiuj estas geedzoj kaj ambaŭ entuziasmaj pedagogoj. La plimulto el la lerneja ilaro estas memfabrikita de la instruisto, s-ro A. Killingstad. Kiel sciencisto li estas vere klerulo. Lia kapablo, ilustri naturajn objektojn, estas rimarkinda.

Kiel la idealoj de la Liberaj Lernejoj nun ekrealiĝas en la Urbaj Elementaj Lernejoj? Du faktaj ekzemploj estu citataj, unu el la Rothaugen Lernejo en Bergen, kie estas unu el la instruistinoj, f-ino Frida Lind, kiu ekfaris eksperimentojn. Inspirate de la Gemeinschaftsschulen en Hamburg kaj Berlin ŝi komencis, zorge kaj tre laŭgrade, efektivigi kelkajn teoriojn je kiuj ŝi jam lernis simpatii, sed ĉiam ene de la kadro de la oficiala lerneja kurso. Sed nun ŝi ricevis permeson de la Urba (Muncipala) Lerneja Inspektoro, por la proksima jaro, kiu ebligos al ŝi, fari sian klason libera eksperimenta klaso, (kvankam kun kelkaj rezervoj). Ĉi tio estas unu el la manieroj laŭ kiuj la novo havas komencon, kaj unufoje komencita, ja neniam haltos. Alia ekzemplo estas el la Sagene Lernejo en Oslo. Ĉi tie nenia permeso estas havigita, nek petita, sed la reguloj kaj principoj kaj la studoplano de la Urbaj Lernejoj en Oslo, laŭ neesprimita konsento reciproka inter la geinstruistoj de la Sagene Lernejo, pleniĝis je la spirito de la Nova Edukado. La tendenco de la lernejo estas kreita de la lerneja direktorino, s-ino Anna Sethne. Ŝi akceptas ĉiujn saĝajn novajn ideojn de siaj geinstruistoj per plena inteligento kaj bona konsilo, kaj ankaŭ per sperta, utila helpo. Ĉi tiu estas la vojo, kiun sekvos la Nova Edukado en Norvegujo, nome, pere de la Municipalaj (Urbaj) Lernejoj (aŭ Registaraj Lernejoj).

Pli favorataj laŭ kondiĉoj estas, tamen, la novaj specoj de lernejo, kiu lasttempe fondiĝis, post kiam la Nova Edukado estiĝis laŭmoda, ĉar la idealoj de la Nova Edukado ja havas ŝancon realiĝi en la studoplano jam de la komenco. Tiel estas ĉe la daŭrigaj lernejoj en Norvegujo. Ilia kreskado datas de la komenco de la nuna jarcento. En la jaro 1926—1927 ekzistis proksimume 328 kamparaj lernejoj tiuspecaj en Norvegujo. Sed la Daŭriga Lernejo estas pli ĝuste lernejo urbspeca, kies celo estas certigi, ke la junularo de granda urbego, post forlaso de la elementa lernejo, pasigos aktivan kaj utilan vivadon. La Daŭriga Lernejo en Oslo estas kreita de f-ino Dagmer Graff-Wang. Ĝi estas precipe lernejo por knabinoj, ĉar oni alimaniere prizorgis la knabojn per manlaboraj preparaj lernejoj, teknikaj lernejoj, ktp. Ĝi havas kvar fakojn; metian, vestaĵ- kaj kostum-fabrikadan, ĉapelistinan kaj dommastrumadan fakojn.

Esperantigis H. Stay, Bournemouth,
Hants., Anglujo.

---

# Genève — Helsingör — Budapest en instruistaj gazetoj.

En la lastaj jaroj la internacia instruistaro — organizita en kvar diversaj asocioj — pli kaj pli dense interrilatas en konferencoj kaj kongresoj, per bultenoj kaj gazetoj. Ni esperantistoj sopiris kaj nun salutas tiun staton. Ĉar ni scias, ke la internacia vivo ekzemple dum kongresoj tre klare montros al la internaciemuloj la neeviteblecon de komuna interkomprenilo — aŭ tia interkomprenilo tute ne estas necesa.

Nun denove pasis du grandaj internaciaj pedagogiaj kongresoj: Mondfederacio de Edukasocioj en Ĝenevo kaj Internacia Laborrondo por Nova Eduko en Helsingör. Ĉu tie oni sentis la lingvan mizeron? Ĉu iu eminentulo raportis aŭ diris ion pri la lingvaj malfacilaĵoj? Malpacience ni demandas.

En tri gravaj instruistaj gazetoj ni trovis traktadon de nia afero: Leipziger Lehrerzeitung (Leipziga Instruista Gazeto), Sächsische Schulzeitung (Saksa Lerneja Gazeto) kaj The Schoolmaster (La Instruisto).

En la ĉefartikolo de LLZ, n-ro 25, Reinhold Lehmann raportas pri la kongreso en Ĝenevo. La problemon de komuna interkomprenilo li tuŝas per jenaj alineoj:

„La babilona lingva konfuzo laŭ la pezo de la plimulto rapide estis solvata: Angla regis en la presita kaj parolita vorto. Franca povis konvene teni sian rangon. Germana jam en la presaĵoj de la kongreso ricevis nur la rolon de Aschenbrödel (cindrulino, t. e. malestimita sklavigita knabino en germana fabelo), kaj nur en malmultaj diskutoj iomete atingis respekton . . . Ne estas bone, se viroj, kiuj volas trakti komparan edukscienčon, mondpedagogion, nur scipovas sian gepatran lingvon.

Esperanto utilis ankoraŭ malmulte en tiu kongreso. Plej varme kaj necedeme la germanoj pledis por ĝi. Se venontaj kongresoj volos ŝpari tempon kaj forton kaj konservi koncentrigan kapablecon kaj laboremon, ili devos efektivigi la principon: Ĉiu parolu en sia gepatra lingvo aŭ en Esperanto, sekvos nur u n u traduko en Esperanton resp. en la lingvon, por kiu voĉdonas la plimulto. Tiam certe povos partopreni kun profito tiu, kiu komprenas anglan, francan aŭ germanan lingvojn, kaj kiu preferas Esperanton, ankaŭ trovos sian rajton. La internacia helplingvo ne povos esti farata deviga por tiuj, kiuj hodiaŭ gvidas en asocioj aŭ scienco. Sed ke la venonta generacio devas lerni ĝin, se la internaciaj interkomprenigo kaj kunlaboro prosperu, tion plej konvinke instruis ankaŭ tiu kongreso."

Lehmann estas bone konata kiel kunredaktoro de LLZ kaj verkanto de ĝia aldono pri eksterlando, havas ampleksajn interrilatojn kun la instruistaj gazetoj kaj asocioj en eksterlando, kaj havas grandan influon en la germana instruistaro. La Saksa Instruista Asocio subvenciis lian vojaĝon al Ĝenevo. Kvankam jam delonge amika al la helplingva movado — plej bonan impreson de la Esperantomovado li ricevis dum la Internacia Laborista Sportfesto en Helsinki, kiun li partoprenis kiel tradukisto por franca kaj angla lingvoj! — li ankoraŭ havis iun dubon kaj rezervon. Sed post la kongreso en Ĝenevo li publike deklaris, ke li nun konsideras necesa, lerni Esperanton. En la sama n-ro 25 de LLZ Lehmann konstatas en raporto pri la SAT-kongreso en Leipzig, ke „la internacia helplingvo facile ebligis, konduki homojn de la plej diversaj nacioj al senpera interŝanĝo de opinioj kaj al amika interkompreno".

En n-ro 37 de LLZ raportas Else Barthel pri la kongreso en Helsingör. Ankaŭ ŝi tuŝas la problemon de helplingvo per jenaj frazoj: „Kiu atendis kolektitan komunan laboron, trankvilan sed decidan elmontron de diferencaj opi-

nioj, kiu opiniis, ke en klaraj diskutoj oni ĉerpus la rezultojn el la paroladoj: tiu ne trovis, kion li serĉis. Tion parte kaŭzis la inversa proporcio de materio kaj tempo, tion grandparte kaŭzis ankaŭ la lingvomizero, kiu kvazaŭ sin altrudas ĝuste en tiel grandaj kunvenoj. Oni provis forigi tiun mizeron farante la anglan ĉeflingvo. Per tio oni helpis al la granda nombro de angle parolantaj aŭskultantoj, sed la alilingvuloj malprofitis. La granda nombro de germanlingvuloj ne sufiĉe estis respektata. Kiel memkomprenebla oni opiniis, ke la germanoj per sia granda diligenteco por fremdaj lingvoj majstras ankaŭ la anglan — kaj oni ŝparis la germanan tradukon. Kelkfoje francaj prelegoj, kiuj estis tradukataj anglen, ankaŭ post deziro ne estis tradukataj germanen.

Eble multe kulpas la germanaj aŭskultantoj mem. Kelkiu, pasiginte kvaronon de sia lerneja vivo en fremdlingva instruo, sentas sian lingvan malperfektecon tiom kiel mankon, ke li kaŝas ĝin. Oni ne devus fari tion. Ja estas senkompare pli malfacile, sekvi al flue angla, pli malpli logika, tial ankaŭ pli malpli precize formulita prelego kun pedagogia-filozofia enhavo, ol fari ĉiutagan konversacion. Ankaŭ la fremdlingva arta verko pli facile estas perceptebla, ĉar oni devas per la sento ekkapti ĝin. Sed la intelektan prelegon oni precize devas kompreni. Alie la aŭskultado estas mensogo. (!! Komparu la koncernan frazon en la malsupre citita raporto de s-ino Manning! G.) Sed ĉu oni faru tradukojn kaj tradukojn? La subigo de la lingvomizero fariĝas grava problemo, kaj la neceso de mondhelplingvo klare montriĝas. Oni vidas, ke la lerneja tempo fakte ne sufiĉas, por havigi al si tiom da anglaj lingvokonoj, kiom oni bezonas en internacia konferenco. La proponita, simpligita angla lingvo pro sia kripligo de kreskinta lingvo estas pli „senkultura" ol Esperanto, kaj krome neebla. Oni devas uzi kaj oni uzos la konstruitan mondhelplingvon, kies spirita malavantaĝo estas kompensata per la ekonomia avantaĝo. La laboro en grupoj devis ebligi viglan diskuton. Speciale tie, kie oni deziras vidi spiritajn aferojn el la vido de diversaj popoloj, tio estus necesa. Ree malebligis tion la malkapableco de reciproka komprenado. Do oni estis pli malpli receptiva, estis modesta kaj aĉetis presitajn tradukojn, kiuj ankaŭ ne estis egale bonaj. Por la objektive pensanta homo, kiu celas vere internacian interkompreniĝon, jen ekkreskas instigoj, pledi por mondhelplingvo."

Ankaŭ la juĝo de Else Barthel havas bonan pezon en la instruistaro de Leipzig.

En tiu situacio ni tre salutas la rilatojn, kiujn nun havas ankaŭ la angla instruistaro al Esperanto. Kun granda ĝojo kaj surprizo ni legis en „Schoolmaster" la raporton pri Budapest de la vicprezidanto de la angla instruista asocio (National Union of Teachers, NUT), s-ino Manning. Ni ekscias, ke NUT delegis la vicprezidanton transdoni al la Esperanto-kongreso en Budapest la bondezirojn de NUT. El la detala artikolo ni citas la frazojn, kiuj montras la opinion kaj la sperton de s-ino Manning pri mondhelplingvo: „La plej bona fundo, kontraŭ kiu oni povas vidi konferencon de la Esperanto-Asocio, estas konferenco de ĉiuj nacioj, kie estas parolataj ĉiuj lingvoj. Kaj tio estis la okazo, kiam mi vojaĝis al Budapest, por partopreni la 21-an jarkunvenon de UEA, mi havis la feliĉon vojaĝi de Ĝenevo — inversa sperto de la biblia rakonto de Babel . . . Mi povis fari miajn unuajn kaj eble plej trafajn komparojn inter la Internacio, kiun mi estis forlasinta, kaj tiu, en kiu mi ĵus alvenis. Kun la plej bona volo de la mondo, de la socia vidpunkto Ĝenevo restis terure nacia. Tre amplekse ni interrilatis kun tiuj, kiuj parolis nian propran lingvon. Ni ne havis eblecon fari amikojn, kvankam ni tien estis allogitaj fari tion. Lamaj gestoj de amikeco

mortis dolore sur la lipoj en la klopodo, murmuri kelkajn seninterligajn frazojn germane aŭ france. Sed en Budapest la lingva barilo estis for, kaj ĉie en kafejoj kaj sur stratoj oni povis observi grupojn nacie miksitajn — germano, turko, amerikano, hindo — parolantaj komunan lingvon, uzantaj ĝin kiel ponton inter opinioj kaj koroj . . . Forte mi estis impresata de la tagorda fluo de la kunsidoj. Tie ne estis longaj kaj enuigaj tradukoj, al kiuj duona dekduo aŭskultas, dum kiuj alia duona dekduo penas aspekti inteligenta (!) kaj la resto sidas bored (?) kaj indiferenta. Bonaj diskutoj kun libera interŝanĝo de la opinioj kaj abundo de demandoj plenigis ĉiun debaton. Krom tio la konferenco ne estis superpezigata de la opinioj de personoj, kiuj parolas lingvon de plimulto — evidenta danĝero en la plej multaj internaciaj konferencoj. (!!)

La salutoj kaj bondeziroj de NUT, kiujn transdoni en Budapest mi havis la komision, estis plej kore akceptataj, kaj ne povas esti dubo, ke UEA konsideras tre valora nian simpation kaj intereson . . .

Mi ĝojas, ke mi havis la eblecon studi la metodojn kaj rezultatojn de tia konferenco el plej densa proksimeco, kaj mi ne hezitas diri, ke la internaciaj rilatoj de nia NUT grave povus esti akcelataj per la uzo de helplingvo."

Ni atentu, ke s-ino Manning, kiu esprimas tiun varman simpation al Esperanto, en la venonta jaro estos la prezidanto de NUT! Kiam la venonta UEA-kongreso okazos en Oxford, Tutmonda Asocio de Geinstruistoj Esperantistaj (TAGE) profitu **tiun simpation de** la anglaj instruistoj kaj okazigu grandan internacian fakkonferencon, kiun partoprenu kiel gastoj la reprezentantoj de NUT, TLL (Teachers Labour League) kaj de la internaciaj instruistaj asocioj. La preparo de tia konferenco speciale — kaj la eluzo de la bona situacio en la instruistaro ĝenerale — postulos fortan strečon kaj — bonan, fortan organizon. La Esperanto-instruistoj pli kaj pli ekkonu sian devon, subteni tiujn propagandajn kaj organizajn laborojn de TAGE inter la instruistaro. La sekretario de la Federacio Internacia de Asocioj Instruistaj (FIAI), Lapierre, moketis en Helsingör, ke TAGE nur havas 800 membrojn, inter kiuj estas 420 germanaj! Jes, prava li estas! La multnombraj Esperanto-instruistoj en tutmondo — Prof. D-ro Dietterle kolektis pli ol 4000 adresojn! — kie vi restas? Se vi deziras profitigi la bonajn ŝancojn inter la instruistaro por Esperanto, vi ne translasu tion al la hazardo, sed helpu organizi la evoluon, aliĝante al TAGE. Laŭ la modelo de la germanaj Esperanto-instruistoj, de kiuj TAGE jam kolektis 500 membrojn!

La instruistoj kutimiĝis, havi fortan organizon, kaj atingis per ĝi en longjaraj bataloj gravajn sukcesojn. Ankaŭ nin ili demandas: Kia estas via organizo? Se ni ne komprenas nian taskon, oni moketas pri ni.

La bonŝanca situacio demandas nin: Esperanto-instruistoj, kia estas via organizo? Goldberg, Leipzig.

---

# Niaj fakaj kunsidoj okaze de la mondkongreso.*)

Estis ĝuo, legi la raporton pri la Budapeŝta mondkongreso en la UEA-gazeto „Esperanto". La sprita „amatora fuŝisto" Joŝo (ĵurnalisto Jakob Ŝapiro, Bialystok?) en freŝa maniero rakontas pri la agrablaj, ŝercaj flankoj de la kongresaj entreprenoj; li emas moki pri personoj, situacioj kaj pri si mem, sed lia mokado ridigas neofendante.

Tiu spritplena raporto montras, ke la festaj kaj amuzaj partoj de la kongresprogramoj estas certe necesaj kaj gravaj

*) Legu artikolon pri la sama temo en „Novaj Tempoj", Nov. 1926.

por niaj internaciaj mondfestoj, kaj la tipa mondkongresano ne volos rezigni pri ili, ĉar li dankas al ili belajn horojn de vere internacia kunvivado.

Sed tio estas nur unu flanko. Pri la alia, la laboroj de la kongreso, la raportanto diras nur kelkajn vortojn, kaj ankaŭ ili estas plejmulte ŝercaj. Tamen oni povas legi inter la linioj, ekzemple kiam li parolas pri la kilometrolongaj protokoloj de la severa ĉiam ŝvitanta amiko Kruco (Kreuz, ĝeneralsekretario de ICK), ke li nur ŝajne mokas pri la serioza dumkongresa laborado, kies graveco kaj neceseco li certe ne neas.

La laboraj kunsidoj dum la kongresoj ne ĉiam estas agrablaj, kaj ni devas danki al tiuj gesamideanoj kiuj en la diversaj branĉoj de nia movado sindone plenumas la multspecajn taskojn kaj laborojn, kiuj kreas la fundon por la mondlingva agado. La ĉefaj organizaĵoj multe zorgis pri la internaciaj kongreslaboroj kaj meritas pro tio nian dankon.

Ĉu ankaŭ la internaciaj f a k a j asocioj plenumis tiurilate siajn devojn? Bedaŭrinde oni ne povas jesi tiun demandon koncerne nian internacian organizacion TAGE. Okazis ja fakaj kunsidoj de la internacia esperanta instruistaro dum ĉiu mondkongreso; sed estas fakto, ke la rezultoj de tiuj kunvenoj estis nur malgrandaj.

La ĝenerala konvinko, ke Esperanto nur venkos, kiam ĝi estos instruata en la lernejoj de la diversaj landoj, enhavas por la internacia Esp.-instruistaro gravajn postulojn. La temo „Esperanto kaj lernejoj" fariĝis tiom aktuala, ke ni plej urĝe devas provi la solvon de la multaj koncernantaj problemoj. Trastudante la listojn de la kongresanoj oni povas konstati, ke la nombro de la geinstruistoj kaj pedagogoj estas tre granda, kaj multaj el ili vere laboras en la movado. Tiuj ĉi instruistoj-kongresanoj estas tre emaj, pritrakti la gravajn supre cititajn demandojn. Dum la Budapeŝta kongreso ekzemple malgraŭ nesufiĉa konatigo 56 gekolegoj el plej diversaj nacioj vizitis la unuan fakan kunsidon de TAGE, bonega okazo, kiun plene utiligi estis devo.

Plena utiligo nur estas ebla, se niaj fakaj kunsidoj ne plu konsistas el interparoladoj pri iuj ajn nepreparitaj temoj, el proponoj ofte tre gravaj, sed plejmulte nesufiĉe motivitaj, el tre bonaj deziroj pri tio, kio estas farenda, (oni ĉiam forgesis decidi: de kiu?). Tiumaniere oni lasas ĉion al la hazardo. Praktikaj rezultoj mankas, kaj post unu jaro oni denove — komencas.

Kaj la kaŭzo de tio? Niaj fakaj kunsidoj ne estis bone preparitaj. Pri tio mi jam plendis en „Novaj Tempoj", Nov. 1926, post la Edinburga kongreso kaj faris praktikajn proponojn. Tiam Prof. D-ro Bovet rekomendis, „ĉiufoje elekti por la venonta jaro pritraktendan gravan temon, pri kiu sin okupu la postjara faka kunveno post oficiala referato. La temo estu ankaŭ antaŭe priparolata en la faka gazeto." Oni tiam decidis laŭ tiu bona propono; oni elektis la temon „Esperanto kaj la geografia instruado", pri kiu okazis referato en Danzig. En Budapest oni tute forgesis tiujn decidojn. Do, oni malprogresis.

Rilate al niaj fakaj kunsidoj ni devas postuli, ke ili estu zorge preparataj. Ankaŭ ŝajne malgravaj aferoj (ĝustatempa konatigo de tempo kaj loko, publikigo de la tagordo, varblistoj por la aliĝo al TAGE kaj abono de IPR, listo de partoprenantoj ktp.) a n t a ŭ e devas esti pripensataj. Ĉiu kunveno devas baziĝi sur la rezultoj de la pasintaj kaj daŭrigi la laborojn. Ne sufiĉas, akcepti rezoluciojn aŭ aprobi proponojn, sed estas necese decidi, k i u p l e n u m o s i l i n.

Tiuj preparoj kaj laboroj okupos la estron de TAGE dum la tuta jaro, kaj oni legos en IPR pri ili. Tiumaniere la prezidanto baldaŭ estos vera gvidanto, kiu akcelas la movadon inter instruistoj kaj lernejoj. T i a m a n k a ŭ n i g e r m a n a j g e k o l e g o j t r o v o s l a e g e d e z i r a t a n h e l p o n e k s t e r n i a j

limoj, kiun ni nepre bezonas, por montri la internaciecon de nia movado, por la interinstruistaj rilatoj sciencaj kaj fakaj, por la esperanta infankorespondado ktp.**).

Nur unufoje en ĉiu jaro la internacia Esperanto-instruistaro havas eblecon pritrakti persone siajn gravajn taskojn. Ni forgesus nian unuan devon, se ni preterlasus tiun solan okazon ne utiligante ĝin laŭpove. La prezidanto de TAGE estu ĉe tio nia gvidanto.

W. Hahn, Gohlis-Dresden.

---

**) Legu artikolon „Ĉu ni progresas tro rapide?" IPR, Jan. 1929, p. 17.

---

# Edukista Kunsido dum la SAT-Kongreso en Leipzig.

Partoprenis 22 k-doj (inter ili nur 12 instruistoj) el 9 landoj. K-dino Glodeau-Paris prelegis la raporton de Boubou, aperigitan en n-ro 8/9 de IPR. La tri konkludoj de Boubou estis: 1. Profiti el fakinformado de neŭtraluloj, t. e. aboni IPR. 2. Allasi al neŭtraluloj prizorgon de neŭtrala movado, t. e. iom post iom forlasi la gvidpostenojn de TAGE. 3. Direkti nian konstruan penon al SAT, t. e. organizi la SAT-edukistan sekcion kaj aboni La Novan Epokon. Mi klopodis refuti tiujn konkludojn, kiel mi jam faris en n-ro 8, 1929 de la NE: „Novaj Tempoj" en la unuaj jaroj estis klasbatala pedagogia gazeto. Ĝi travivis grandajn malfacilaĵojn, ĉar gazeto kun malpli ol 400 abonantoj ne povas vivi. Kiam ni volis pligrandigi la abonantaron per deviga abono por la Saksa Asocio (kaj la Germana), multaj membroj forlasis la „partiecan" movadon. Kaj N. T. falis en la krizon de 1925.

Depost 1926 TAGE kiel neŭtrala organizo moviĝas sur altiĝanta linio. Ni kreskis de 500 ĝis 800 abonantoj. TAGE per sia laboro atingis gravan atenton en la internaciaj instruistaj asocioj. En tiu momento ni nepre ne povas disbati la pene ekkonstruitan instruistan Esperanto-organizon. La propono Boubou efektive signifas la detruon de TAGE. La SAT-instruistoj malinteresiĝos pri TAGE, konsideros ĝin kiel neŭtrala-senvalora. Des pli certe, se ili legas ke mi nur restas en la posteno, ĝis mi trovos anstataŭanton. Kvankam mi ofte malkaŝe konfesis, ke mi ne estas „neŭtralulo", mi ne konsilas akcepton de la proponoj Boubou (en n-ro 11 de IPR, pĝ. 134, mi diris, ke TAGE eĉ konformas al niaj — plej multaj — „neŭtralaj" instruistaj asocioj, en kiuj aktive kunlaboras ankaŭ socialistoj kaj komunistoj!) kaj postulis, prokrasti la proponon Boubou almenaŭ 2 jarojn, fari ĝin nur tiam, kiam la fondo de SAT-sekcio estas preparita kaj ĝia memstara vivo garantiita.

Se mi eĉ volus fordoni mian oficon, mi eble ne trovus anstataŭanton, la aliaj SAT-kamaradoj kun mi foriros, kaj TAGE grave estos danĝerigata, ĉar nia movado ne estas jam tiom forta, ke ni povas dispartigi nian komunan celon. Tio ne signifas, — kiel ŝajnis en la raporto en La NE (n-ro 12, 1929, pĝ. 343) — ke mi volis trograndigi mian rolon en la movado, aŭ ke mi estus la sola laboranto en TAGE — en raporto pri la TAGE-Laborkomitato mi sufiĉe forte akcentis la novan ĝojigan staton de plivastigita bazo de kunlaborantoj — sed frape mi volis montri la danĝeron de skismo, kiu estas des pli granda, ĉar nek la situacio en Edukintern nek la fortoj de la SAT-edukistoj garantias memstaran SAT-edukistan asocion. La financaj kaj organizaj fortoj ekz. de la sovetiaj kamaradoj tute ne estas tre grandaj. La financaj interrilatoj kun ili estas malfacilaj (la grupo Leningrad ankoraŭ ŝuldas al IPR el la jaroj 1926 kaj 1927 la por ni sufiĉe gravan sumon de 93 RM!). Do ni nur detruos gravan organizon sen havi aŭ ricevi alian.

La kunveno akceptis la proponojn Boubou kun la aldono Muravkin, ke la SAT-anoj forlasu siajn oficojn en TAGE tuj post trovo de neŭtralaj taŭgaj anstataŭantoj. Tiun decidon mi konsideras kiel malprudentan taktikon. Estas tre valore por mi, ke el korespondado kun k-do Stay-Britio mi povas preni la konvinkon, ke li samopinias kun mi en tiu taktika problemo. Goldberg.

---

# Esperanto en Estonujo kaj Svedujo.

### Andreo Ĉe en Estonujo.

En tiu ĉi aŭtuno la estona ĉefurbo denove havis la plezuron gastigi inter siaj muroj la genian Andreo Ĉe, kiu antaŭ unu jaro dum sia mallonga restado en Estonujo gajnis al sia metodo kaj al Esperanto la estonajn pedagogojn kaj la gvidantojn de la popola instruado. La 6. 9. s-ro Ĉe havis grandsukcesan provlevionon en la granda salono de la realgimnazio, en la ĉeesto de pli ol 500 personoj. La provlecionon malfermis per parolado la lerneja inspektoro J. Grüntal, rekomendante Esperanton kaj s-ron Ĉe kiel genian instruiston. La Instruista Societo en Tallinn kaj la Urba Lerneja Administracio rekomendis al ĉiuj geinstruistoj partopreni en la kursoj. En Tallinn s-ro Ĉe havas 250 gekursanojn, inter ili granda nombro da geinstruistoj. Post la kursoj en Tallinn s-ro Ĉe estas invitita al Riga, kie la kursojn arangâs la Instruista Asocio, kaj post Riga al Holando. En Estonujo, kelkaj urboj deziras kursojn de s-ro Ĉe, sed pro manko de tempo li ne povis akcepti la inviton.

En la urbo Vöru la Instruista Asocio de la distrikto Vörumaa aranĝis 4—20 Sept. Esperantokursojn por la instruistaro, kiujn gvidis laŭ la Ĉe-metodo instruistino E. Pähn.

En Narva gvidas multajn kursojn laŭ Ĉe-metodo M. Grigorjev. La urbo rapide esperantiĝas!

En Pärnu komenciĝis la kursoj la 15-an de Okt. Partoprenas ĉirkaŭ 100 personoj. Gvidas gimnazia instruisto E. Mälson. La urbestro donis al la kursoj subvencion.

Esperanto rapide progresas ĉie en Estonujo! H. Seppik.

(El „Svenska Esperanto-Tidningen", Okt. 1929.)

*

### Svedujo.

En la urbo Norrköping, la kvara urbo de Svedujo, la Esperanto-intereso estas tre granda. Partoprenas en tiuj kursoj, kiujn aranĝis la distrikta Esperantoklubo, ĉirkaŭ 150 personoj en kvin grupoj, inter ili 60 geinstruistoj. Unu instruista grupo estas aranĝita de l' Instruista Asocio, kaj unu kurso estas por gelernantoj en popola lernejo.

Gvidas lerte laŭ la Ĉe-metodo lektoro Henriko Seppik el Tallinn, Estonio.

---

# Universala stenografio.

La konata stenograf-sciencisto Felix de Kunovski en Potsdam sukcesis post jardeka laboro konstrui mallongskribon, kiu sen aliigo de la sonosignoj estas uzebla por ĉiuj lingvoj kaj kiu tial nomiĝas Internacionalstenografio. S-ro de Kunovski jam pretigis gvidilojn por 22 lingvoj, el kiuj ĝis nun aperis 15, nome por la Esperanta, germana, angla, franca, hispana, itala, pola, rusa, sveda, dana, nederlanda, portugala, rumana, greka kaj latina lingvoj. Baldaŭ aperos la gvidiloj por la serba, bulgara, ĉeĥa, ukraina, hungara kaj japana lingvoj. Pro la internacia disvastigo, ĉiuj gvidiloj estas verkitaj en la internacia helplingvo Esperanto. En la nunaj tagoj aperis germanlingva instruilo por la „germana mallongskribo" de la Internacionalstenografio. La „Regna Asocio por Nacionalstenografio" Duisburg, Friedenstrasse 79, batalas por la disvastigo de la Internacionalstenografio.

## Sciigo pri la „Unuiĝo de esperantistaj virinoj“.

La virina kunveno dum la XXI-a kongreso en Budapest decidis unuigi la virinfortojn esperantistajn por du celoj:

1. helpi por akiri rajtojn al la virinoj;
2. antaŭenhelpi la pacmovadon.

Kiel la unua punkto de la programo montras, la „Unuiĝo de esperantistaj virinoj“ estas starigata en intereso de ĉ i u j virinoj, t. e. ne nur por plenkreskulinoj, sed ankaŭ por la junulinaro, kiujn ni povos helpi en multaj rilatoj. Pro tio estas nepre dezirinde, ke aliĝu ankaŭ knabinoj kaj junulinoj.

Pro detaloj oni skribu al s-ino Nora Kozma, Budapest VI, Andrássy ut 5.

---

## Recenzoj.

L. L. Zamenhof, Originala Verkaro. Antaŭparoloj, gazetartikoloj, traktaĵoj, paroladoj, leteroj, poemoj. Kolektitaj kaj ordigitaj de D-ro Joh. Dietterle. Leipzig 1929. Ferdinand Hirt & Sohn. 605 pĝ. Prezo: 15.— RM. — Al la verkaro estas aldonitaj portreto kaj 6 faksimilaĵoj de Zamenhof kaj fotografa reprodukaĵo de la unuaj du paĝoj de „La Esperantisto“ de Septembro 1889. — Joh. Dietterle dediĉis la libron „al la energia kaj kuraĝa antaŭbatalantino por la ideo de mondhelplingvo sinjorino Alice V. Morris en New York, honora sekretariino de IALA“. Ĉu iu ajn pli valora libro ol tiu aperis en Esperantujo post la morto de Zamenhof? Plene pravas Dietterle, skribante en la antaŭparolo: „Se oni volas sufiĉe koni la kreinton de nia lingvo, liajn principojn, lian sentadon, lian celon, lian laboron kaj la historion de la tuta Esperanto-movado, oni nepre devas studadi la originalan verkaron de Zamenhof kaj ne nur liajn tradukojn. En la tradukoj li ja donas sian lingvon, sed cetere nur la pensojn de aliaj. En sia originala verkaro li donas siajn proprajn pensojn. Ĝi enhavas la tutan programon de lia vivo; ĝi montras lian grandan animon, lian idealismon, lian grandan laboremon kaj samtempe lian akuratecon, lian precizecon, lian konfidindecon ankaŭ en la plej bagatelaj aferoj, lian internan evoluadon de post la apero de lia unua broŝuro ĝis la fino de lia vivo.“ Jam hodiaŭ estas certe, ke venontaj generacioj la kreinton de Esperanto nomos bonfarinto por la homaro. Tial estas tre dezirinde, kolekti lian originalan verkaron kiel eble plej plene. Dietterle skribas: „Mi konas eĉ ne unu personon aŭ bibliotekon, kiu disponas pri kompleta trezoro de ĉiuj ĝis nun presitaj Zamenhofaĵoj. Kaj neniu ĝis nun kolektis la Zamenhofajn leterojn.“ Kelkaj partoj de la verkaro estas tute kompletaj, ekz. la antaŭparoloj, paroladoj, traktaĵoj kaj poemoj. La verkoj de la parto „Traktaĵoj“ pritraktas la politikan kaj religian „kredon“ de Zamenhof. Sub la surskribo „Gazetartikoloj“ oni trovas ĉiujn artikolojn el „La Esperantisto“, kiuj rilatas al organizado, movado, propagando, historio kaj literaturo de Esperanto. (Nur ĉe tri personoj Dietterle povis konstati kompletajn jarkolektojn de „La Esperantisto“!) Krom tio tiu ĉi parto enhavas artikolojn el aliaj gazetoj. Verŝajne troviĝos ankoraŭ kelkaj artikoloj el aliaj gazetoj. Verŝajne troviĝos ankoraŭ kelkaj artikoloj en orienteŭropaj gazetoj, kiujn Dietterle ne povis havigi al si. La parto „Leteroj“ enhavas du subpartojn. En la unua estas kolektitaj preskaŭ ĉiuj jam ie presitaj; la dua enhavas leterojn ĝis nun ne presitajn. Dietterle presigis entute 57 jam publikigitajn leterojn kaj 318 de tiuj, kiuj ĝis nun ne aperis presitaj. La kolekto estas nur malgranda parto de la tuta korespondado Zamenhofa. Dietterle ne aperigis la stereotipajn leterojn, kiujn Zamenhof skribis al novaj adeptoj. De leteroj, kiuj akre kritikas personojn ankoraŭ nun vivantajn, li donis nur parte. Tre bedaŭrindas, ke Ditterle eĉ gravajn dokumentojn ne povis publikigi, ĉar la posedantoj ilin ne volis havigi al li. Kelko da dokumentoj ne estis trovebla. Dietterle

diras: „Neniu, ekzemple, povas konstati hodiaŭ, kie restis la granda amaso de la unuaperiodaj broŝuroj kaj literaturaĵoj, kie kaj kiamaniere perdiĝis multaj gravaj, eĉ la plej gravaj, leteroj de D-ro Zamenhof.“ — Espereble la feliĉaj posedantoj de tiaj dokomentoj ebligos, ke komplemento de la valora kolekto estos eldonata baldaŭ.

J. Kreutzer, Esperanto ein Kulturgut? Sein Wesen und Wert im Feuer der Kritik. (Ĉu Esperanto estas kultura valoraĵo? Ĝiaj esenco kaj graveco en fajro de kritiko.) Köln 1929. Komisio-eldonejo: Heroldo de Esperanto. 101 paĝ. Prezo: 1.80 RM. — Kreutzer donas per tiu libro al germanaj esperantistoj tre utilan propagandilon kaj montras por ne-esperantistoj novan landon. Jen kelkaj ĉapitro-surskriboj: Malnovaj provoj je tutmonda lingvo. Nacia lingvo kvazaŭ mondlingvo. Neceso de mondhelplingvo. Esperanto kaj nacieco. Skrupuletoj kontraŭ artefarita lingvo. Pluro da mondlingvaj sistemoj. Aplikado de Esperanto. Tutmonda kulturo kaj mondhelplingvo. Esperanto kiel klerigilo. Postuloj kaj proponoj. Revuloj hieraŭaj — faruloj morgaŭaj. K. R.

V. Svistunov, Rusa lernolibro (96 paĝ.) laŭ rekta metodo. — Ne scipovante la rusan lingvon, oni nur parte povas taksi la valoron de tiu verko, kiu ŝajnas tre taŭga por sia celo. La artikoletoj de la lecionoj estas plenaj je vivo — je komunista vivo —, la demandoj estas sugestaj kaj la lingvo flua kaj bonstila. Krom malmultaj eraroj (paĝ. 17: Kiu [korekte: Kio] estas via patro? — maŝinisto; paĝ. 27: Metu ĝin tie [kor.: tien]!; paĝ. 40: La maljunulo jam ne laboras [kor.: ne plu]) oni devas konstati la kontraŭ-akademian minusklan ortografion de la monato-nomoj kaj la principan eviton de la artikolo: la, kies nepraviginda ignoro ofte malhavigas stilan delikatecon, eĉ logikan klarecon.

A. Degen.

**Aelita.** Romano de A. Tolstoj. Trad. E. Pill. Eld.: Heroldo de Esperanto. Prezo: 3.20 germ. RM. Tre interesa romano pri du rusoj, kiuj en flugŝipo vojaĝas al Marso. Inter la marsanoj ili kaŭzas revolucion kaj apenaŭ sukcesas, reveni al la Tero. Rapidege preterkuras la tuta agado, escepte de du ĉapitroj. Amikoj de fantaziaj rakontoj trovos ĉi tie interesan legaĵon. La stilo estas tre bona, la bildoj iom primitivaj.

---

# Gravaj petoj.

### Alvoko al la tutmonda esperantista instruistaro!

Karaj Gekamaradoj! La aŭstria pedagogia revuo „Die Quelle“ (La Fonto) deziras mallongajn artikolojn pri pedagogiaj kaj lernejaj aktualaĵoj: metodikaj kaj edukaj novaĵoj, ŝanĝoj aŭ reformoj de la lerneja organizo, interesaj eksperimentoj pedagogiaj, ktp. . . . La artikoletoj estas konvene honorariataj. Ili estu sendotaj al:

Franz Jeitler, instruisto, Wien XXI, Kantnergasse 66 (Aŭstrio).

La artikoloj povas esti skribataj esperante aŭ germane.

*

### Kieva infanteatro alvokas por internacia korespondo!

Kieva teatro por infanoj dezirus havi ligon kun eksterlandaj samspecaj organizaĵoj. Ĉiuj dezirantaj ricevi pli detalajn informojn pri tiu ĉi teatro kaj starigi konstantan ligon kun ĝi, sendu leterojn al k-do B. Egers. Kamaradoj, kiuj sukcesos enpresigi ĉi tiun artikolon en ĉiu nacia gazeto, estas petataj pri alsendo de du ekzempleroj de enpresinta gazeto al aŭtoro. Respondu al:

K-do B. Egers, Kiev, Klovski Spusk 4 (U. S. S. R.). (El TEPS.)

---

## La venonta numero aperos la 15-an de januaro 1930.



**Korespondado.**

J. Pawlowczak, instruisto de surdmutuloj, Poznan, ul. Strzelecka n-ro 28-a, Polujo, deziras korespondi kun tutmondaj samfakanoj, kaj petas ĉiujn gekolegojn eventuale komuniki lin kun instruistoj de surdmutuloj.

Preso: Heroldo de Esperanto, Köln, Brüsseler Str. 94, Germ.